MEMOROJ

## Iutage en la vivo de Dmitri Merejkosviki



Dmitri Merejkosviki, unu el la plej gravaj rusaj romanistoj kaj kritikistoj en la 19a jc, rakontis, ke kiam li estis adoleskanto, li eke verkis poemojn. Lia patro okaze de noktomanĝo aŭdace petis de Dostoievski, ke li opiniu pri la verkaĵoj de lia filo. Post kelkatempe Merejkosviki, akompanata de la patro, vizitis la faman verkiston en lia malgranda apartamento. Embarase kaj eĉ balbutante li komencis legi siajn adoleskantecajn poeziaĵojn al la aŭtoro de *Krimo kaj Puno*. Bedaŭrinde al Dostoievski tute ne plaĉis la enhavo de la lego kaj diris

gaja haveno

Redaktas César Dorneles Soares
dornelespoa@gmail.com
Eldonoj PDF-forme:
www.esperantors.net.br

▶ al la knabo, ke liaj poemoj valoras nenion. *Por bone verki oni bezonas suferi, suferi!*, aldonis Dostoievski en frazo kiu fariĝis fama. La patro aŭdinte tion replikis: *Do li ne verku plibone, ĉar mi ne volas, ke li suferu*. ●

↱Referenco: Paulo Nogueira Batista Jr. en *As crianças de Fossoli*, artikolo publikigita en CartaCapital de 28/aŭg/2019.

LINGVOJ

## *Inja sag sâhebesho nemishnâse*

*La hundo ne rekonas la posedanton.* Perslingva esprimo en Irano por situacio en kiu loko estas tiel homplena kaj konfuza, ke eĉ hundo ne rekonus sian plej homan amikon tie... ●

↱Referenco: Superinteressante, okt/2019

# gh

gaja haveno

Porto Alegre, RS, Brazilo
Decembro 2019 | **N-ro 48**
Kreita en 1997

## Juvenalo komentas ĵurnalon




Fernanda Montenegro 90jariĝas

Paĝo 4

EKOLOGIO

## Amazonio kaj la pluvoj



La arboj de la amazonia arbarego ĉiumomente estas demetantaj akvon el la grundo kaj liberigantaj ĝin en la aeron per la proceso de vegetaĵa spirado. Tiu spirado generas nubojn, kiuj estas kondukataj  de la vento al aliaj mondopartoj. Unu el tiaj lokoj estas la brazila Centr-Okcidento. Sen Amazonio komenciĝus proceso de dezertigo tie. ●

>Fabio Marton, en la artikolo *E se a Amazônia inteira fosse destruída?*, en la revuo Superinteressante (okt/2019)



LINGVOJ

# La deveno de *chiclete*

En la portugala lingvo, *chiclete* [ŝi'klete] signifas *maĉgumo-n*. La vorto havis metonimian originon: ĝi devenas el *Chiclets*, usona komercmarko pri maĉgumo. Siavice *Chiclets* devenis el la hispana *chicle* ['ĉikle], termino konata de la usonanoj ekde la 19 jc. *Chicle* aliflanke originas el *tziklti*, vorto de la indiana lingvo naŭatla, ankaŭ konata kiel azteka lingvo. *Tziklti* signifas *glueca-n substanco-n*, kiu estis aprecata de la aztekoj por maĉi.

↱Referenco: revuo Superinteressante el okt/201



www. gajahaveno1.
blogspot.com

*Ĝuste ĝuu!*

Survoje al 4 000 paĝrigardoj

HISTORIO

# Amazonio por eksaj sklavoj

Mattheu Fontaine Maury (1806-1873), oceanologo kaj meteologo, direktoro de la Mararmea Observatorio de Vaŝingtono, proponis al la registaro de sia lando, ke ĝi koloniu Amazonion pere de la nigrhaŭta enloĝantaro de Usono, antaŭe sklavigitaj. Laŭ historiisto Luiz Alberto Moniz Bandeira, la ideo ricevis fortan apogon de la gazetaro, sklavistoj, fabrikantoj de armiloj kaj komercistoj. La brazila registaro forte reagis kaj la ideo estis fine abortita. ● ↱Referenco: Le Monde Diplomatique Brasil, okt/2019

E-LINGVO

# Kiel diri



trança, rabicho
**harplekt(aĵ)o**

creme hidratante
**haŭtkremo**

animal doméstico, de estimação
**hejmbesto**

aquecedor, estufa
**hejtforno**

controle remoto
**telekomando**




erva
**herbo**

creche
**infanvartejo**

ingrediente
**ingrediento** ●

↱ http://dvd.ikso.net/vortaro/



HUMURO

# La plej antikva profesio



Politikisto, arkitekto kaj kuracisto diskutas por sciiĝi kiu estas la plej antikva profesio. Diras la kuracisto:
- La plej antikva profesio estas la medicino. Kiam Dio faris la virinon el ripo de Adamo, tio estis la unua kirurgia ago en la Historio.

Refutas la arkitekto:
- Tute ne! La kreado de la mondo estis la unua verko de la arkitekturo kaj la profesio de arkitekto estas do la plej antikva. Antaŭ la kreado de la mondo estis nur la kaoso!

Ĝuste tiam prenas la vorton la politikisto, tute fiera:
- Kaj kiu vi pensas, ke faris la kaoson? ●

MEMOROJ

# Fernanda Montenegro

## Travivaĵoj de 90jara granda artistino




En la librovendejoj, *Fernanda Montenegro: prólogo, ato, epílogo; memórias*, bela memorlibro pri la vivo de Fernanda Montenegro, unu el la plej grandaj brazilaj stelulinoj kaj de la kino kaj de la dramaturgio. Sekvas kuriozaĵoj pri ŝia vivo kiujn oni deprenis el tia leginda verkaĵo.

- Arlette Pinheiro da Silva Torres (edziniĝa nomo) naskiĝis en 1929 en Rio-de-Ĵanejro. Ŝia patro estis lignaĝisto el portugala familo enmigrinta el Azoroj kaj ŝia patrino, el italdevena familio el Sardenjo.



- Kiam ŝi estis 15jara kaj studis en teknika kurso pri sekretarieco, ŝi sukcesis en porgejunula konkurso por parolistoj ĉe Radiostacio MEC, ŝia unua dungo. La unua programero en kiu ŝi partoprenis estis melodramo pri la Revolucio Farroupilha [Faroŭ'pilja]. Ŝi ludis la rolon de Manuela, koramikino de Garibaldi. Al ŝia familio, estis motivo de certa fiero, ke Arlete ludis tian rolon: Garibaldi estis granda heroo en la lukto por la unuigo de Italio.

- En la radiostacio ŝi havis lecionojn pri la portugala, deklamado, logopedio kaj ĝi havis bonegajn bibliotekon kaj diskotekon. Ŝi laboris tie dum dek jaroj kiel parolistino, redaktorino kaj radioaktorino. Kiam ŝi komencis verki, ŝi adoptis la pseŭdonimon Fernanda Montenegro.



- En 1950 ŝi debutis en la teatro pere de la teatraĵo *Alegres canções na montanha* (*Ĝojaj kanzonoj en la montaro*). En la trupo troviĝis i.a. Nicette Bruno, Beatriz Segall kaj Fernando Torres (1927-2008), al kiu Fernanda edziniĝis en 1952 kaj havis du filojn: Cláudio Torres, kinoreĝisoro, kaj Fernanda Torres, artistino kaj verkistino. Sekviĝis tra la vivo multaj aliaj laboraĵoj kiuj famigis ŝin kiel grandan teatran artistinon.

- En la 50aj kaj 60aj jaroj ŝi partoprenis en centoj da TV-teatraĵoj unue en la TV Tupi kaj poste en TV Rio kaj TV Globo.

- Fernanda Montenegro ludis en diversaj TV-dramserioj tra la tempo. En la libro ŝi asertas, ke eble la plej memorinda sceno de dramserio en kiu ŝi partoprenis estis tiu kun Paulo Autran en *Guerra dos Sexos* (*Milito de la Seksoj*), TV Globo, 1983. Komedia sceno kun la du fikciuloj, Charlô kaj Otávio, sen nenia provludo pro manko da tempo. Neforgesebla ankaŭ por multaj TV-spektantoj.

- Ŝi agadis kiel kinoartistino en diversaj filmoj kiel *Tudo Bem* (1978), *Eles não usam Black-tie* (1981), *O que é isso, companheiro* (1997), Olga (2004), *O Tempo e o Vento* (2013) k.a. Sed pere de *Central do Brasil* (1998), de Walter Salles, ŝi sukcesis internacian rekonon pro ŝia ludo kiel Dora, eksa instruistino kiu pergajnas la vivon pere de etaj trompaĵoj. Ŝi estis indikita al Oscar kiel Plibonan Aktorinon. En 2013 Emmy International premiis ŝin kiel Plibonan Aktorinon pere de la filmo *Doce de Mãe* (*Dolĉaĵo de Patrino*).



*Sur paĝoj de granda emocio, ŝi rakontas pri la defio eduki la filojn postvivante kiel artistoj; la senĉesa serĉado de la kvalito; la kombatema persisteco dum la "jaroj de plumbo"* (*); *la kapablo pri konstanta reinvento; la malsano de Fernando; la senatendita internacia sukceso en la 90aj jaroj; la kredo je la tero kiu akceptis siajn enmigrantajn antaŭulojn kaj la sindonemo al ĉi tiu lando.*

> Fragmento el la klapoteksto de la libro.

(*) Portugallingva esprimo rilatigata al la diktatura reĝimo de 1964

↦Referencoj:

MONTENEGRO, Fernanda. *Prólogo, ato, epílogo: memórias; com a colaboração de Marta Góes*. – 1ª ed. – São Paulo, Companhia das Letras, 2019.

https://pt.wikipedia.org/wiki/Fernanda_Montenegro

TEKNOLOGIO
# Brazila teknologio minacata

Pintesploroj de la brazila teknologio estas minacataj pro la manko de monrimedoj altrudata de la nuntempa registaro. Ekzemplo estas tiu de la prototipo de la *MagLev-Cobra*, trajno per magnetika levitacio, disvolviĝata de de Coppe/UFRJ, sub la respondeco de inĝeniero Richard Stephan. La projekto kalkulis je la apogo de BNDES, Faperj, Sekretario pri Strategiaj Aferoj de la Prezidenteco kaj grandaj entreprenoj kiel OAS. Ekde 2014 la monaj rimedoj eke malpliiĝis kaj la inĝeniero komencis preni monon el la propra poŝo por pagi sian skipon. *MagLev Cobra estas kompakta, malpeza kaj flosas silente super la "reloj" kaj transportis 18 mil pasaĝerojn tra la eksperimenta linio konstruita kun 200metra kurso en la Universitata Urbo,* informas la reporteraĵo *A negação da ciência* (La neo de la scienco) de la revuo CartaCapital de 9/10/19, el kiu oni prenis informojn. ●

LINGVOJ
# La plej oftaj literoj diverslingve

Portugala: a, e, o, s, r.
Angla: e, t, a, o, i
Hispana: e, a, o, s, r
Franca: e, s, a, i, t
Germana: e, n, s, r, i
Itala: e, a, i, o, n
Pola: a, i, e, o, n ●

↦Referenco: Superinteressante, okt/2019

LINGVOJ
# Sanskrito/ Litova

Kuriozaĵo pri la granda hindeŭropa familio de lingvoj: sanskrito/litova: agnis - ugnis (fajro), vajus - vėjas (vento), devas - dievas (dio), navyas - naujas (nova), aśru - ašara (stablo), madhu - medus (mielo). ●


# La estraro de GEA

La estraro de GEA-Gaŭĉa Esperanto-Asocio al la oficperiodo 2018-2020 konsistas el la jenaj homoj: **Prezidanto**: César Dorneles Soares, **Vicprezidanto**: Eugênio Carlos Gallichio Hansen, **1a Sekretario**: Miguel Rocha Bento, **2a Sekretario**: Marco Aurélio Roncatti, **Kasisto**: Renato Oliveira Pereira.

Respondecas pri la departementaro: **Diskoniga Departemento**: Direktoro: Marco Aurélio Roncatti, Vicdirektoro: Renato Oliveira Pereira; **Instrua Departemento**: Direktoro: Miguel Rocha Bento, Vicdirektoro: César Dorneles Soares; **Biblioteka Departemento**: Direktoro: Eugênio Carlos Gallichio Hansen, Vicdirektoro: Miguel Rocha Bento; **Junulara Departemento**: Direktoro: Euleax de Lima Pereira, Vicdirektoro: Miguel Rocha Bento.

**Konsilantaro**: Euleax de Lima Pereira, Flávio Augusto Gomes, Maria Inês dos Santos (delegitoj); Marco Aurélio Roncatti, Reinaldo Jorge Zaghetto kaj Renato de Oliveira Pereira (eksaj prezidantoj). ●



www.facebook com/groups/ esperantonun

*Ĝuste ĝuu!*

Eksa Esperanto-Porto Alegre

PRESO
# La invento de la minuskloj

Antaŭ la invento de la preso, la libroj estis kopiitaj permane en la monaĥejoj. Sed la pergameno estis nesufiĉa havaĵo kaj tre aprecata. Pro tio en la la 8a jc ŝparema angla monaĥo nomata Alkvino decidis inventi la minusklojn pro tio, ke ili estas malgrandaj, ebligas inkludi pli da teksto en saman spacon. ●